# PENSEO

**N-ro 311**

**sept. / 2017**

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 28-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### šminkado

skafaldinte domojn en kvartalo povra,
dekoristoj faras pompa eksterajôn;
en la ĉambroj restas sur la rando bovla
brano kaj la ombro de korpo senkovra.

*2013.09.21*

### kontrasto

mi violonas folan revon;
ĉielo ploras per neĝflokoj.
tamburas kozo primaveron
sed korpon kovras glaciblokoj.

*2014.02.23*

### repago

ĝardenante korton, mi detruis
monton kaj riveron per ŝtonetoj.
ŝtormo venis kaj solidoj fluis.
fiŝas nun la lokon mi kun retoj.



*2013.09.20*

### krimo neintenca

por akvi florojn en oldeco seka
mi ploris sonĝe kaj reale, tage.
pluvo alvenu! incensante dion,
lin mi blindigis pie kaj monpage.

*2013.09.20*

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Afiŝo

Malpoeme, oni
ĵonglas per vortoj
sur la korto de l' koro.

Dorlotas mi oron,
kaj floras doloro,
kiu stelojn priflaras.

En la ostoj avaraj
al mondo frostas.
Subite ekdisfalas
la haŭto de simplaĵoj:
larmoj apenaŭas,

Ĉar niaj nioj
dependas de
viaj vioj.

(Ho, venu! Min ŝatu!
Mi reĝas fulme kaj tre belas
sur la foto fantasta!)

Voras horojn la mallumo,

kiu fasonas mensojn
perrete interkonektitajn.

Kaj jen demando bizara:
ĉu vera amo ankoraŭas?

*Juiz de fora, 27/07/2017*

### Figuro

Eble mi estas
la reverso de la bildo,
kiun kaptas via okulo:
metaforo ...
aŭ metonimio
pri mi: ribelema
ĉe l’ rando poezia
de l’ neesprimeblo.

*Juiz de Fora, 09/08/2017*

## Paŭlo Silas (Brazilo)



### VESTO

En la sama buso, tiu de la antaŭa poemo,
(ĉu vi legis la antaŭan poemon?)
mi vidis belulon.
Li estis brazilano.
Mi ne volas per tio diri, ke la alinaciano ne estis bela.
(ĉu vi vere legis la antaŭan poemon?)
Mi nur konstatas, ke tiu belulo,
el inter multaj aliaj kiuj svarmas en nia mondo,
estis brazilano;
aŭ almenaŭ li parolis laŭ brazila akĉento.
La belulo portis oranĝkoloran ŝorton
(jes, mi memoras la koloron)
kaj nigran ĉemizon.
La ŝorto tiel forte premiĝis kontraŭ liaj karnoj,
ke mi rekonis ĉiujn detalojn.
Haŭtoj, haroj, konturoj, intencoj.
Homoj sin vestas por logi.
Li prefere estu nuda.



## Mori (Usono)



### AFORISMOJ (23)

Homo
ju pli profunda
kaj prudenta
estas despli trankvila
kaj silenta.

***

Jen unika talento;
Homo povas per vorto
piki kiel serpento.

***

Inter homo
kaj Dio
la vojon baras
religio!

***

Gvidantoj
kiuj gvidas kiel vulpoj
misgvidas homojn
vivi kiel lupoj!

***

Tie ekzistas libero
kie estas sekura
homo kun alia
vivmaniero.

***

Vivi sola
en foraj insuloj
pli bonas ol kuneco
kun malicaj uloj.

***

Homo

sen bonaj amik'
kaj najbaro
estas kiel fiŝ'
fore de la maro.

***

Amo
estas la ununura religio
de Dio,
la cetero estas
pli malpli nenio.

***

La plej danĝera loko
por stulta persono
estas alta posteno.

***

Kiu daŭre pafas,
finfine ektrafas.

***

Homo ja estas
tiu malsatulo
kiu donas sian panon
por satigi malsatan
homaranon.

***

Generalo
kiu ne estis soldato
ne estas bona generalo
en batalo

***

Pro guto da mensogo
en la puto de vero
malboniĝas
la tuta afero.

***

Homoj
kun sama problem'
kaj doloro
devas agadi kune
kun sama koro.

***

Azeno la plej stulta
estas azeno
kun homa mieno.

***

Homo
kiun subtenas la vero
estas la plej potenca
sur la tero.

***

Oni pri esti riĉa
sur la tero
devas vivi kun riĉa
pensmaniero.

***

La vivon rigardu
ne per la okuloj
de almozuloj.

***

Amikeco de homo
ruza kiel vulpo
pli danĝeras ol
malamikeco de homo
kruela kiel lupo.



***

Evitu amikecon
kun homoj ruzaj
kaj ĵaluzaj.

***

Se homo ne rezignas
pri pafilo kaj bombo
finfine la tuta mond'
transformiĝas al tombo.

***

Homo kies idealo
estas venki
per milit' kaj batalo
ne pli bonas ol
sovaĝa animalo.

## Cezar (Germanujo)



### Kial la najtingalo kantas por mi, sed ne por vi?

Mi povas klarigi tion al mi nur per tio,
ke vi vivas en alia tempuniverso ol mi,
laŭ certaj fizikistoj tio ja eblas.

Mi diru tiel, mi vivas en la plusa tempo
kaj vi en la minustempo,
ĉu vi ekkomprenas?

Por vi la akvoglaso estas ĉiam duone
malplena,
por mi ĉiam duone plena... aŭ male,
iel tiel....

La idioteca mondo,
kiun mi ne rigardas
kiel mondon mian,
en certa senco glitas de mi
kiel pizo de la muro,
sed evidente ne de vi.

Mi trovis mian
damnitan niĉon
en la fama ebona turo,
vi eble ne.

Mi trovis la najtingalon trilantan,
eĉ se nur en la interreto.
Sed vi trovis hejme
freneziĝintan birdon,
kiu frapas vintre
malesperiĝante
viajn fenestrojn,
por ke vi helpu al ĝi.

Kaj vi eble sentas vin
nur minacata de ĝi.

Mi ne vere scias,
sed iel tiel devas esti.

Eble mi estas nur formiko
kaj vi estas giganto,
aŭ mi estas giganto
kaj vi unu el la sep nanoj
kiuj gardas neĝulinon
en ties vitra ĉerko.



Ni vivas en paralelmondoj
kaj tial ni ne komprenas nin reciproke.

## Paulo Nascentes (Brazilo)



### POEZIA NUR MILDECO

kapitulacias mia poemo
sin vendas
sen surprizigo:
kloŝa repreno
amo rideto kaj floro
fine kompreno
la amo ĉipa havi surplade
alibestajn kadavrojn
fine kompreno
pri sadisma rideto de gazetara juĝisto
kondamno al Justico kadavraĵo iĝi
sur la putra plado de l' dio-merkato
fine kompreno
la floro ĝentila
diskvaronigita sur la tomb' de brazilo
sed Brasil ne meritas brazilon
kapitulacias mia poemo
la kloĉa repreno
amo rideto kaj floro
amo al podio
ridet' de malam'
floro nur varo

elŝire vendata
ĉipa ĉipa ĉipa!

## Ivaniĉka Maĝarova (Bulgario)



### INTIMECO

***Al M.***

Vi venis al mi
en noktomezo
per nebulflugiloj
Eksidis ĉe mi kaj
spektis min longe.

Harojn miajn
vi hirtigis,
trinkis amon
de okuloj miaj,
kisis mian lipon
kaj per trosekiĝaj lipoj
eltrinkegis l' lakton.
en mi.
Kaj.....

Forflugis
al la steloj.

Malfermis
mi okulojn
kaj vekiĝis.

### BORDO

Kruta bord'
luna nokt'
kaj virin'
ĉe la bord'.
Ŝi atendas.
Remas li
al la bord'.
Silenta nokt'.
Atendas ŝi
ĉe la bord'
en luna nokt'
Venos li.
Atendas ŝi.
Nun remas li
en la nokt'
al la bord'
Atendas ŝi
en blanka nokt'.
Sed ĉu ne
bela son'?
Piedas ŝi
sur la bord'
kaj en nokt'
nur silent'
nek sono
de remil'.
Atendas ŝi.
Atendas ŝi
en blanka nokt'.
Kruta bord'
sen remiloj
estas nokt'
Paŝoj ree
sur la bord',
Paŝas ŝi,
paŝas,
paŝas
Ŝi.

## Elena Popova (Bulgario)



Gaja somero
luladas la esperon.
Odoro de gren'.

La luno-serpo
pretas serpadi. Mankas
la rikoltisto.

Mara vastaĵo.
Zefir' – vent' subskribinta
pacon kun si mem.

La suno kisis
la lunon. Ĝi ekbrilis.
Nokta sonato.

Rito birdara –
silentaj laroj dorse
al la sunleviĝ' .

## Zhuangzi (369-286 a.K)



Zhuangzi

### ĈAPITRO DEKDUA

# La ĉielo kaj la tero

**§12-01**

Malgraŭ sia vasteco la ĉielo kaj la tero submetiĝas al la sama leĝo de evoluado. Malgraŭ sia sennombreco ĉiuj estaĵoj estas regataj en la sama maniero. Malgraŭ sia sennombreco ĉiuj homoj respektas sian reĝon kiel sian reganton. Regante super la mondo, la reĝo rigardas la virton kiel la radikon de sia potenco kaj la ĉielon kiel la fonton de sia sukceso. Tial oni diras: "La antikvaj reĝoj regis super la mondo per la senagado, nome per la sekvado de la natura evoluo de la estaĵoj."

Kiam la nomoj estas juĝataj per la Taŭo, ĉiuj reĝoj en la mondo estas pravigeble perfektaj regantoj. Kiam la hierarkio estas juĝata per la Taŭo, la reĝoj kaj la regnoficistoj havas siajn respektivajn devojn. Kiam la kapabloj estas juĝataj per la Taŭo, ĉiuj regnoficistoj en la mondo estas plene kvalifikitaj. Kiam la tuta mondo estas juĝata per la Taŭo, ĉiuj estaĵoj sekvas sian denaskan naturon. Tial tio, kio kunligas la ĉielon kaj la teron, estas la virto; tio, kio efikas sur ĉion en la mondo estas la Taŭo. Tio, kion la reĝoj faras por regi la mondon, estas la administraj devoj. Tio, kion estigas la kapabloj kaj talentoj, estas la artoj. La artoj estas entenataj en la aferoj, la aferoj en la justeco, la justeco en la virto, la virto en la Taŭo, la Taŭo en la ĉielo. Tial oni diras: "En la antikveco la reĝoj havis neniajn dezirojn, kaj la mondo estis riĉigita; ili estis en senagado, kaj ĉiuj estaĵoj prosperis per si mem; ili estis kvietemaj kiel abismo, kaj la popolo vivis en paco." En antikva libro *Registroj* estas skribite: "Tiuj, kiuj atingis la Taŭon, sukcesas en ĉio, kion ili entreprenas; tiuj, kiuj havas neniajn dezirojn pri atingoj, povas subigi al si eĉ la fantomojn kaj spiritojn."

La Majstro (nome Zhuangzi — trad.) diras: "La Taŭo kovras kaj subtenas ĉion. Kiel senfine granda ĝi estas! La noblulo devas senigi sin je la deziro ion fari. Praktiki la senagadon estas nomata la Taŭo de la ĉielo; sin esprimi per senparolo estas nomata la virto; ami la homojn kaj esti profita al la estaĵoj estas nomata la humaneco; rigardi malsamajn estaĵojn kiel identajn unu kun la aliaj estas nomata la grandeco; montri sin nek aroganta, nek stranga estas nomata la grandanimeco; ampleksi la diversecon de la malsamaj estaĵoj estas nomata la riĉeco. Tial alkroĉiĝi al la virto estas nomata la gvidilo; fari virtajn agojn estas nomata la atingo; agi konforme al la Taŭo estas nomata la kompleteco; ne lasi, ke la volo estu senkuraĝigita de la eksteraj aferoj, estas nomata la perfekteco. Kiam la noblulo ekkomprenas tiujn ĉi dek principojn, lia menso fariĝas sufiĉe larĝa por teni ĉiujn estaĵojn en la mondo, kaj estas preta akcepti ilin kiel abunde alfluantajn akvojn. Tiuokaze li lasos la oron kuŝi enterigita kaj lasos la perlojn kaŝitaj en la abismo. Li ne avidos riĉaĵojn, nek ĉasos famon kaj altrangecon. Li ne ĝojos pro sia longviveco, nek malĝojos pro sia tro frua morto. Li ne fieros pri sia alta pozicio, nek hontos pro sia malriĉeco. Li ne proprigos al si la profiton de la mondo, nek rigardos la tronon kiel sian distingilon, ĉar li komprenas, ke la distingiĝo kondukas al parada elmontriĝo.

Ĉiuj estaĵoj en la mondo devenas de kaj revenas al la sama radiko, kaj la vivo kaj la morto estas malsamaj fazoj de la ekzisto."

*elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



# Mandareno en boato

*el la rakontoj pri Afanti*
—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Mandaren'
foje per boat'
veturis kun Afanti,
ektimis sub onda bat'
sur flua malglat'.

Tremante,
li tiris forte
la baskon de Afanti,
petante: "Timas morte
mi, malbonsorte.



Mia kor'
elsaltos pro tim'.
Bona Afĉjo, bonvolu
ja eldanĝerigi min
de morta ruin'.

Afanti
respondis lante:
"Via moŝto, rimedo
ekzistas sendemande,
sed ĉu marĉande
akceptos
ĝin vi aŭ nee?"
"Certe vian konsilon
mi ja sekvos obee,
fidele tree"

Insistis
la mandareno:
"Mi volonte konsentas
ion ajn kun kompreno,
tuje sen ĝeno!"

"Bonege,"
Afĉjo admiris,
"do en akvo vi spertu
unue," dum li diris
akven lin tiris.

Post pluraj
subakviĝoj jen
Afĉjo kaptis je l' haroj,
enboatigis per tren'
lin kun plor-mien'.

En boat'
li timis ne plu.
Afanti ĉuis ruze:
"Kiel vi vin sentas, fu?
Tre komforta, ĉu?"

"Ha, jes, jes!"
la mandareno
respondis rapidege,
treme en korpa pleno
pro malvarm-ĝeno.

Meditis
Afanti mute:
"Tiu, kiu neniam
subakviĝis, jen tute
ne, absolute

ne ajne

sekurecon de
boato. Kiel vi
kapablas kompreni tre
malsaton, ho ve,

de tiuj
povruloj klare,
se vi ĉiame manĝas
frandaĵojn joviale,
tute malŝpare!”

## Sero (Ĉinujo)

### En nebulo

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Matene
je nebula fal’
mi iras, volvata per
blanka gazeca vual’
sub lumo de pal’.

Ĉirkaŭ mi
ĉio vapore
kunfandiĝas en nebul’,
deproksime aŭ fore
blanka kolore.

Aŭdiĝas
nur voĉoj homaj
interrompaj kaj svagaj,
staras konturoj domaj,
umoj sennomaj.

Jen ŝajne
forlasitas mi
en la blanka , vasta mond’,
jen mi reĝas sen defi’
pri l’ teritori’.

Mi scias,
trompas la natur’,
ĝi kovras la terenon
per la grizblanka velur’
je mia plezur’.

Se nebul’
dispeliĝos jam,
ĉio klariĝos tuje,
revenos kiel ornam’
la kolora gam’.



*Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimarango xa,xa,a (x=senrima).*

## Klavdija Grebenŝĉik

### Siama ekzotiko

– Mi volas komuniki al vi, – Dima diris al sia najbarino Katja, kun kiu li havis fida-amikajn rilatojn, – ke mi persvadis sian edzinon Zina akiri katon.

– Ĉu vi havas malmultajn klopodojn? – ironie ridetante demandis Katja, kiu suferis pro ĉiaj animaloj, kiujn senfine alportis ŝiaj infanoj.

– Komprenu, filo Feliks tedis al mi: “Mi enuas, mi volas hundon aŭ katon kiel ĉe Mikaelo!” Tio estas kiel ĉe vi.

– Nu akiru katon por sia malfeliĉo! Via Feliks dum semajno ludos kun ĝi, sed sablon alportos kaj ŝanĝos Zina aŭ vi, se ekvolos apartiĝi de viaj desegnaĵoj.

– Komprenu, mi volas ne ordinaran katon...

– Kia? Ĉu la persa?

– Ne, mi volas pli bonan, la siaman! Siamaj katoj ne bezonas sablon, ili mem povas malfermi pordojn por eliri eksteren kiam ekvolos. Oni parolas, ke ili estas pli saĝaj ol hundoj.

– Oni ankaŭ parolas, ke ili havas malbonan karakteron! Ĉu vi scias pri tio? Mia kolegino havas tian katon, tial en ŝia hejmo ĉiuj singarde iras, ne diras “For!” al la kato, ne interinsultas, ja la besto tuj atakas, ordigas. Ĝi subigis ĉiujn!

– Ĉe mia Zina kato estos kvieta!

–Nu, nu! – Katja diris.

Post kelkaj tagoj Katja revenis post laboro kaj ekvidis en korto knabon Feliks, la kvinjaran filon de Dima. Li sidis sur benko kaj alpremis al si katidon. Li ĉirkaŭprenis ĝin per ambaŭ manoj tiel, ke elstaris nur oreletoj kaj vosteto de la katido.

– Onklino Katja, rigardu, kia ĝi estas bela!

Feliks malpremis manojn, la katido tuj saltis kaj trafis al alia fino de longa benko. Katja kliniĝis super ĝi. La katido estis neordinara. Ĝi tute estis hele bruna, nur vizaĝeto, oreletoj, vosteto kaj pintoj de kruroj estis brunaj, sed okuloj estis hele ĉielbluaj. “Se oni kudris kostumon en tia kolora gamo kaj farus ĉielbluan akcenton, do tio estus tre bele, mode,” – Katja pensis kaj etendis sian manon por karesi tiun belulon, sed tuj malantaŭeniĝis: la katido turnis al ŝi sian akutan vizaĝeton, kaj ĝiaj ĉielbluaj okuloj pleniĝis per sango...

– Oj, onklino Katja, ne tuŝu ĝin, ĝi povas grati kaj eĉ mordi!

– Ĉu vi ne timas?

– Ne, ĝi ne ofendos min, ĉar ĝi amas min, kaj mi amas ĝin!

– Ĉu panjon kaj paĉjon ĝi ankaŭ amas?

– Ne... Panjo kriis al ĝi, ĉar ĝi saltis sur tablon kaj eniĝis en teleron kun hepataĵo. Ĝi malŝatas, kiam oni krias al ĝi.

“Problemoj komenciĝis... Mi baldaŭ vizitos ilin por rigardi, kio ĉe ili okazas,” – Katja decidis. Sed Zina mem vizitis ŝin, pli ĝuste enkuregis al Katja, kiam ŝi malfermis pordon. Vizaĝo de Zina estis kovrita per ruĝaj makuloj, okuloj estis rondaj pro teruro.

– Kio okazis? Vi ne similas mem vin!

– Certe! Rigardu miajn gambojn kaj brakojn! – kaj ŝi levis manikojn de bluzo kaj jupon. Katja hokriis, gamboj kaj brakoj de Zina estis kovrita per sangaj grataĵoj.

– Ĉu tio estas afero de katido?

– Ne, ĝi estas ne katido... Ĝi estas malbonkora sorĉistino, diabla Julieta!

– Do ĝi estas katino. Kia estas ŝia aĝo?

– Kvar monatoj... Mia Dima ankaŭ suferas. Li kutime staras fleksiĝinte super tablo, kaj ŝi uzas lin kiel saltotabulon por salti al kornico. Lia dorso estas kovrita per grataĵoj. Diru, kion mi devas fari? Mi timas iri laŭ propra loĝejo! Ŝi insidas min ĉie – ŝi atakas min el post tablo, el post lito, elkuregas el post divano... Kiam mi venas post laboro, ŝi jam atendas min. Ŝi sidas senmove kiel mumio kaj rigardas min per siaj sangaj okuloj... Mi ne scias, kion ŝi faros: aŭ indiferente preteriros, aŭ ion fiagos...

– Ja mi antaŭsciigis vian Dima, ke siamaj katoj estas sovaĝaj. Fordonu ŝin al iu!

– Aha, mi ne povas. Se mi parolas pri tio, komenciĝas ploro de Feliks. Ili estas nedisigeblaj. Ili kune dormas kaj manĝas. Aŭskultu, Katja, – tono de voĉo de Zina subite ŝanĝiĝis, en ĝi aperis admiro, elpremis antaŭan teruron, – tiu katino ne nur komprenas, ke ni pri ŝi parolas, kaj ankaŭ, al mi ŝajnas, legas miajn pensojn...

– Nu, – Katja malkonfideme diris. – Pro timo ĉia absurdo eniĝas en vian kapon!

– Ne, mi ekzamenis kelkfoje. Mi jam ne krias al ŝi, pro tio estos pli malbone. Mi komencis insulti ŝin senvoĉe kaj eĉ malbeni, ekzemple: “Mi volas, ke vi malaperu, ke diablo forprenu vin!” Kaj kiam mi tiel pensas, ŝi tuj siblas kaj montras dentojn kiel tigro.

– Ne nervumas tiel, mi vidas, ke al vi ŝajnas ĉia absurdo. Mi vizitos vin, mi volas ekvidi, kio okazas ĉe vi!

Kiam Katja liberiĝis de hejmaj klopodoj kaj venis al la najbaroj, do ŝi ekvidis strangan bildon: sur forno sidis la katino kaj atenteme observis bolantan supon en kaserolo. Kiam peco de viando aperis sur supraĵo, la katino rapide etendis kruron kun ellasitaj ungoj. Zina staris je sendanĝera distanco. Ŝi vokis Katjan.

– Iru ĉi tien, ekvidos, kion nun okazos.

– Julieta en vica fojo etendis kruron kaj lerte kaptis per ungo peceton de viando. Ĵetinte ĝin sur plankon ŝi desaltis sekve kaj komencis peli ĝin laŭ planko kiel kaptitan muson, ĝis kiam viando

malvarmiĝis. Tiam ŝi kaptis ĝin kaj forportis.

– Nu, ĉu vi vidis?! – Zina turnis sin al Katja.

– Nekredeble! Kiel ŝi ne timas brogvundiĝi?

– Ja mi parolis, ŝi estas malbonkora sorĉistino! Ĝenerale ŝiaj ungoj estas longaj kaj fortaj. Ŝi iel ne brogvundiĝis.

– Vi ne devas permesi al ŝi eniĝi per kruroj al kaserolo!

– Ŝi ankaŭ eniĝis al teleroj. Kiam ni sidas tagmanĝi, ŝi saltas sur tablon kaj kuras al telero. Kaj ŝi same tiris per kruro ĉion, kio plaĉas al ŝi.

– Mi ne povus elteni tian arogantecon, – Katja diris kaj faris abomenan mienon. – Mi en dua tago elĵetus ŝin tra fenestro.

Malantaŭe aŭdiĝis siblo. Katja rerigardis. La katino sidis sur divano, ŝia hararo leviĝis, levita vosto transformiĝis en skovelo, kaj en okuloj pulsis jen ĉielblua jen ruĝa koloro. Dima ŝirmis per si Katjan kaj komencis malrapide forpuŝi ŝin el ĉambro.

– Jen kiel okazas, – Katja timige diris. – Mi foriras! – kaj ŝi retiriĝis al koridoro.

Kiam ŝi elsaltis post pordon, ŝi diris:

– Mi lasas vin kun via serpento! Dum ŝi loĝas ĉi tie, mi ne venos al vi! – kaj ne aŭskultante pardonpetojn de Dima ŝi elkuris el enirejo.

Vivo en hejmo de Dima kaj Zina transformiĝis en vera infero. Zina venkinte timon pro tiu besto anoncis al ŝi militon. Ŝi malpermesis al Julieta eniri en dormejon post tio, kiam ŝi ĉifinte akurate ordigitan liton ŝiris kusenon kaj ellasis plumojn eksteren. Flugantaj plumoj admiris ŝin, ŝi alte saltante pelis ilin laŭ loĝejo. Per tio ŝi ravis knabon Feliks, kiu pro rido ruliĝis laŭ planko. Veninte post laboro kaj ekvidinte malordigitan liton, flugantajn plumojn kaj filon, kiu de kapo ĝis piedoj estis kovrita per plumoj, Zina forgesinte pri danĝero faris militeman krion kaj kuraĝe atakis la katinon. Ŝi ĵetis al la katino ĉiujn, kiuj estis apude: ŝuo, pilko, pantofloj de Feliks. Ŝi eĉ kaptis tabureton por ĵeti ĝin al la fibesto. Sed tuj Feliks ekstaris kun etenditaj brakoj inter furioza panjo kaj la katino, kaj Zina mallevis tabureton al planko. Unue dum tuta tempo la katino konsterniĝis kaj kureginte sub liton ne aperis dum du horoj. Dum kelkaj tagoj en hejmo estis mallaŭte. La katino estis kvieta, ĝentila kaj eĉ iufoje ronronis. Ŝi ne venis en dormejon haltinte en sojlo, longe rigardis al flanko de lito.

– Jen rigardu, – kontenta Zino parolis al sia edzo, – ni ne devas timi ŝin, unufoje mi punis ŝin kaj tuj malkutimigis fiagi.

– Ial al mi ne plaĉas tiu kvieto, – Dima diris.

Sed Julieta kaj poste kondutis trankvile.

Tiu tago ne profetis malagrablecojn. Estis male, venis la oka de marto, la mirinda festo, kiam ĉiuj virinoj havas bonegan humoron, ili estas feliĉaj atendante florojn kaj donacojn. Frumatene, dum Zina dormis, Dima kuris al angulo de domo, kie ĉiam en festoj staris kaŭkazanoj kaj moldavoj kun sia hela kaj aroma varo. Elektinte bukedon de grandaj vinruĝaj rozoj Dima revenis hejmen, aranĝis la florojn en vazon kaj starigis ilin sur ŝranketon apud lito. Li sukcesis ĝustatempe, kaj kiam Zina vekiĝis, ŝi tuj ekvidis la belegajn rozojn. Dima staris apud pordo de dormejo, estis fiera kaj kontenta pro si. Humoro de ĉiuj estis bona, aparte humoro de Zina, ja ŝi ne devis kuiri, ĉar en vespero ili vizitos amikojn.

Kiam en naŭa horo ili revenis post vizito, Zina kuŝigis filon dormi kaj informis, ke ŝi laciĝis kaj ankaŭ kuŝos pli frue. Dima dirinte, ke li devas urĝe prepari laboron por mendisto, komencis ordigi pretigitajn desegnaĵojn. Li estis inĝeniero kaj kromlaboris per tio, ke faris por korespondkursaj studentoj kursajn kaj diplomajn laborojn. Dum longaj vesperoj li faris kalkulojn por maldiligentaj studentoj, kaj grandaj folioj de papero kovriĝis per punto de linioj, kiujn lasis post si akrigita krajono. Sed nun li enuis. Sur angulo de tablo sidis Julieta kaj observis per dormemaj okuloj movojn de krajono aŭ tuĉsrtekilo. Komence la katino provis kapti glitantan laŭ papero krajonon. Sed Dima kviete, sen histerioj de Zina, klarigis al Julieta, ke tion ŝi ne devas fari. Ŝi komprenis lin kaj sidis kviete.

Zina eliris el banejo, rikaneme deziris al Dima trankvilan laboron (ŝi konsideris katinajn neatenditajn artifikojn) kaj malaperis en dormejo. Post minuto de tie aŭdiĝis tia krio, ke Dima ektremis kaj faligis tuĉstrekilon. Julieta saltis supren, ŝiris per ungoj paperon, renversis tuĉon kaj malaperis. El dormejo

elsaltis timigita Zina kaj balbutante petis:

– Rig-gardu, kion estas tie ĉe mi...

Dima ĵetis sin al ploranta Zina.



*Ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

– Kie?

– Tie malantaŭe, – ŝi turnis sin al li per dorso.

Dum sekundo estis mallaŭte, poste Zina ekaŭdis mallaŭtan ridon. Dima rigardis rozon, kiu pendis kapinverse sur nokta ĉemizo de Zina.

– Nu kion ridindan vi trovis tie? Forigu tion, ja tio pikis min!

– Tuj mi forigos, staru trankvile! – spasme spirante pro rido Dima petis kaj komencis dum ĝemoj de Zina atenteme elpinĉi dornojn el ŝia dorso.

– Jen tio estis sur via dorso!

– Ĉu rozo?! Sed kiel ĝi trafis al mia lito?

– Mi mem ne komprenas, – Dima diris pririgardante ĉambron per atenta rigardo.

– Ĉu vi serĉas Julietan? Ĉu vi pensas, ke la katino povis fari tion?

– Ordinara katino ne povus, sed la siama... Ja siamaj katoj estas tre saĝaj kaj venĝemaj. Vi anoncis kontraŭ ŝi militon, ŝi anoncis militon kontraŭ vi.

– Sed tio estas plena prudenta ago, tion povas fari nur homo.

– Oni instruis nin en lernejo, ke animaloj havas nur instinktojn. Sed iufoje ili tre bone pensas...

Zina sidis kun mallevitajn ŝultrojn kaj embarasite rigardis al Dima.

– Mi timas ŝin. Se vi ne forigos ŝin, do mi foriros al panjo.

Julieta kvazaŭ komprenis, ke tro fiagis kaj iĝis kvieta. Ŝi jam ne ĵetis sin al Zina el embusko, ne arogis apud tagmanĝa tablo. En hejmo malaperis krioj, grataĵoj de Zina cikatriĝis. Zina kaj Dima mallaŭte ĝojis kaj nun rigardis tiun siaman miraklon per pli bonkoraj okuloj. Sed trankvilo kaj kvieto baldaŭ finiĝis. En unu tago Julieta ekkantis. Ŝi saltis sur fenestrobreton, rigardis tra fenestro kaj hurlis. Ŝia voĉo estis kun ruladoj kiel mezosoprano de opera kantistino, poste la voĉo iĝis simila al infana ploro, sed iufoje en ĝi aŭdiĝis tia sopiro, ke malvarmo trakuris dorsojn de Zina kaj Dima. Feliks karesis ŝin laŭ dorseto, persvadis ĉesi plori. Kaj poste ŝi komencis rondkuri laŭ muroj kiel motociklo en fama cirka distraĵo. Same kiel motociklistoj ŝi kuregis kun freneza rapido, post ĉiu nova rondo leviĝis pli alte kaj preskaŭ atingis plafonon. Trankvila vivo tute malaperis. Nokte Julieta forkuris al korto. Kiel ĉiam ŝi aliris al pordo, saltis supren kaj ekpendis sur ĝia anso. La pordo malfermiĝis, kaj Julieta malaperis ĝis mateno. Hurlo kaj ploro jam aŭdiĝis el post fenestro. Al ili aliĝis voĉoj de virkatoj, kiuj alkuris el apudaj kortoj pro pasiaj alvokoj de Julieta. Pri dormo oni povis nur revi.

Dima kuris konsiliĝi kun Katja pri tio, kion li devas fari kun la katino.

– Ŝi freneziĝis, mi devas konduki ŝin al veterinaro, verŝajne li faros por ŝi trankviligan injekton. Kiel vi opinias?

– Kia estas ŝia aĝo? – Katja demandis.

– Ses monatoj. Kial vi demandas?

– Ĉu vi ne komprenas? Ja via Julieta ne trankviliĝos, ĝis kiam ŝi renkontos sian Romeo.

– Nu! Ankoraŭ frue...

– Verŝajne via katino rapide elkreskis.

Sed baldaŭ la katino ĉesis hurli, forkuri nokte kaj iĝis kvieta kaj karesema. Ŝi iris al ĉiuj, frotiĝis per flanko kaj ronronis.

Ree en hejmo aperis kvieto kaj trankvilo, sed tio daŭris ne longe. Foje Zina rimarkis, ke ventro de la katino estis ronda.

– Aŭskultu, nia katino baldaŭ disduiĝos, aŭ distriiĝos, aŭ eĉ dissesiĝos!

– Ni devis atendi tion! – Dima ekkriis.

– Nun mi kontrolos.

Zina komencis karesi la katinon malrapide mallevinte manojn al ŝia ventro.

– Mi estis prava! Mi palpas kapetojn. Unu, du, tri... – Zina komencis kalkuli. – Tie estas ankoraŭ, sed ili interne. Baldaŭ ŝi naskos!

– Jen vi kiel flegistino akuŝigos! – Dima ekridis. En lia voĉo klare estis histeriaj notoj.

– Ne! Dima, imagu, ke laŭ loĝejo kuregas amaso de tiaj diabletoj kiel ilia freneza panjo!

– Kion vi proponas?

– Mi anoncas al vi ultimaton: ĉi tie estos aŭ mi, aŭ Julieta kun siaj idoj!

En sekva tago en bazaro por vendo de bestoj apud vendistoj de miaŭanta, bojanta kaj pepanta viva varo staris Dima kun tornistro, el kiu elstaris bruna kapo de la katino kun belegaj ĉielbluaj okuloj. Multaj homoj haltis por rigardi neordinaran katinon. Sed kiam aliris junulo kaj demandis pri prezo, el post dorso de Dima elsaltis Feliks kaj diris:

– Onklo, ne aĉetu, la katino estas tre malbonkora, – kaj la knabo desaltis al flanko.

Dima minacis lin per pugno. La aĉetanto levis ŝultrojn kaj foriris.

– Oj, kia estas bela katino! Kiom ŝi kostas? – virino demandis.

– Onklino, ne aĉetu ŝin, ŝi mordas kaj gratas! – Feliks ree enmiksiĝis.

– Ĉu efektive? Estas bone, ke vi antaŭsciigis min, knabo!

– Vi komence interkonsentu kun la knabo, kaj poste vendu, – edife konsilis viro, kiu tenis je mano kaĝon kun kobajoj.

– Feliks, finu, ja vi scias, ke panjo ne enlasos nin, se ni revenos kun Julieta. Mi estas pretita fordoni ŝin senpage por liberiĝi!

Kaj tiel okazis. Alirinta viro estis amanto de tiu raso kaj, malgraŭ antaŭsciigoj de Feliks, kiuj aŭdiĝis el post dorso de la patro, kun plezuro prenis ŝin kiel donacon kun estontaj idoj kaj tornistro.

Feliks eksploretis, malfeliĉe ekspiris, karesis je disiĝo la katon kaj iris al pordego, kiu kondukas el bazaro. La patro iris apude kaj provis trankviligi.

Pasis semajno de mallaŭta, kvieta vivo. Feliks vagis laŭ ĉambroj, estis indiferenta al ĉio, eĉ al mirinda fervojo, kie veturis tri vagono kaj lokomotivo. Dima fleksiĝinte super desegnaĵoj rigardis angulon de tablo, kie antaŭe ĉiam sidis Julieta, al kiu li en nokta senbruo rakontis pri siaj problemoj. Zina enirante al kuirejo aŭ al ĉambro rerigardis malantaŭen atendante, ke tuj elsaltos la katino kaj ekpendos sur ŝia negliĝa mantelo aŭ ungogratos ŝian gambon. Estis sopire kaj enue. Ĉiu pensis: “Kiel nun ŝi vivas?” Zina komencis ofte inviti aliajn infanojn, por ke ili distru la filon de pensoj pri Julieta.

Foje vespere ili ekaŭdis, ke iu tiras pordan anson.

Feliks, malfermu, verŝajne al vi Maria venis, ŝi ne atingas sonorilon.

Feliks malfermis pordon, kaj el koridoro aŭdiĝis lia ĝoja krio:

– Ŝi revenis, revenis!

Alkurintaj Zina kaj Dima konsterniĝis pro subiteco: en sojlo sidis Julieta. Ŝia aspekto estis povra, flankoj kaj kruretoj estis malpuraj, kaj okuloj fermiĝis pro laco.

– Tio estas sorto! – Dima diris kun ia faciligo, kaj en lia voĉo estis ĝojo.

– Tamen mi devos akuŝigi! – Zina ridetis.

– Kaj ni havos multajn tiajn katidojn! – feliĉa Feliks gaje sumigis.

*Esperantigis*

## Igorj Ĥomjakov

## (Rusujo)

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400023, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_